# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Centra Oficejo: 12, Boulevard du Theâtre. Genève (Svislando)

*Universala Esperanto-Asocio* celas:

Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia gentа aŭ lingva teritorio.

Kreskigi inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

*Universala Esperanto-Asocio* konsistas:

El sepmil membroj diverslandaj.

El 1.200 Delegitoj kaj Vicdelegitoj en la ĉefaj lokoj, kiuj respondas la informpetojn de la membroj kaj helpas ilin okaze de vojaĝo.

El Komitato, elektita de la Delegitoj, el Centra Oficejo, el teritoria organizo, ktp.

*Universala Esperanto-Asocio* laboras:

**Por konstrui centron de esperantista agado bone ordigita kaj forta. Konsiderante, ke internacia organizo estas necesa al lingvo internacia la lasta kongreso oficialigis U. E. A. kiel la tutmondan organizaĵon de individuaj esperantistoj.**

# ASOCIACIÓN UNIVERSAL ESPERANTISTA

Oficina Central: 12, Boulevard du Théâtre, Ginebra (Suiza)

*La Asociación Universal Esperantista tiene por* objeto:

Difundir el uso de la lengua internacional auxiliar Esperanto.

Fomentar toda clase de relaciones morales y materiales entre los hombres sin distinción de raza, nacionalidad, religión o lengua.

Crear servicios internacionales para uso de todos los hombres, cuyos intereses intelectuales o materiales traspasan los límites de su nacionalidad o el territorio de su idioma.

Acrecentar entre sus miembros un fuerte lazo de solidaridad y desarrollar entre ellos el conocimiento de los pueblos extranjeros.

La Asociación es neutral en asuntos de religión, nacionalidad o política.

*La Asociación Universal Esperantista* consiste:

En siete mil miembros de diversos países.

En 1.200 Delegados y Vicedelegados en las principales localidades, quienes contestan a los informes que les piden los miembros y les ayudan con ocasión de sus viajes.

En un Comité, elegido por los Delegados, en una Oficina Central, en una organización territorial, etc.

*La Asociación Universal Esperantista* trabaja:

Por construir un centro de acción esperantista bien organizado y fuerte. En consideración a que una organización internacional es necesaria a una lengua internacional, el último congreso concedió oficialidad a la U. E. A. considerándola como la organización mundial de los esperantistas individuales.

3.ª Epoko * N.º 115 Decembro * 1926

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj ✶ Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



*LA SUNO HISPANA deziras al siaj karaj kaj bonvolemaj gelegantoj feliĉajn Kristnaskajn Festojn kaj Novan Jaron.*

*Ĝi estu abunda en ĉiaspecaj prosperoj, tiom por iliaj privataj aferoj, kiom por la publika kaj efektiva estimo de internacia helplingvo Esperanto, kiel pero por baldaŭa kunfratiĝo de la homaro, bela kaj noblega idealo de nia senmorta Majstro D-ro. Zamenhof.*

*LA SUNO HISPANA desea a sus queridos y benévolos lectores y lectoras felices Pascuas de Navidad y Año Nuevo.*

*Sea éste abundante en toda suerte de prosperidades, tanto para sus asuntos particulares, cuanto para la pública y efectiva estimación del idioma auxiliar internacional Esperanto, como medio para la pronta confraternidad de los hombres, bello y nobilísimo ideal de nuestro inmortal maestro el doctor Zamenhof.*

# UNA FELIZ INICIATIVA DEL GRUPO ESPERANTISTA DE SEVILLA

Ha sido la publicación de unas hojas-recibos de participación en la próxima Lotería Nacional del sorteo de Navidad que, por su originalidad, merecen ser divulgadas. Son de tamaño 19/22 cm, y por una cara están divididas en doce cuadrados iguales: los dos del centro, para la inscripción del número del billete y la participación, que es de una peseta; los diez cuadrados restantes contienen un curso breve de Esperanto en diez lecciones, muy bien resumido. En la otra cara se da noticia de lo que es el Esperanto y de las opiniones sobre él de hombres célebres. Como se ve, estas participaciones son un excelente *propagandilo* y, por eso, las recomendamos calurosamente a nuestros amigos. El billete es el número 15.914.

Los pedidos pueden hacerse hasta el día 15 de diciembre, enviando al mismo tiempo el importe y coste de franqueo certificado a

*D. Carlos Martínez,*
*Tesorero del Grupo Esperantista Sevillano,*
*Calle Rioja, 25,*
*SEVILLA*



CÁMARA OFICIAL DE COMERCIO,
INDUSTRIA Y NAVEGACIÓN
DE VALENCIA

NÚM. 2.219

*En contestación a la atenta comunicación de V. S. de 25 del próximo pasado octubre, interesando de esta Corporación costeara algunas matriculas de 25 pesetas de la asignatura de Esperanto de las clases de idiomas que se cursan en esta Universidad, tengo el honor de participar a V. S. que, por acuerdo de este organismo, en sesión de 26 del actual, se costearán por el mismo este curso, seis matrículas; lo que se participa también individualmente a cada uno de los solicitantes que se habían dirigido a esta entidad.*

*Dios guarde a V. S. muchos años.*

*Valencia, 29 de noviembre de 1926.*

El Presidente,
VICENTE MAIQUES.

El Secretario,
R. RAMÍREZ MAGENTI.

*Sr. D. Miguel Botella, Presidente del Grupo Esperantista Valencia.*

**(Traduko)**

*Oficiala Komerca Industria kaj Navigacia Ĉambro el Valencio.*—Responde al via ĝentila komunikaĵo de la 25ª de ĵus pasinta oktobro, interesiganta tiun-ĉi Korporacion pri abonpago de kelkaj matrikuloj po 25 ptoj. rilate la lernadon de Esperanto, je la klasoj de idiomoj, kies kursojn oni okazigas en tiu-ĉi Universitato, mi havas la honoron komuniki al vi ke laŭ propono aprobita de tiu-ĉi organismo en kunveno okazinta la 26an de la kuranta monato, oni pagos dum tiu-ĉi kurso, ses matrikulojn, kion oni ankaŭ komunikos individue al la interesatoj kiuj sin turnis petante tion de tiu-ĉi korporacio.—Dio vin gardu.—Valencio la 29an de novembro 1926ª.—*La Prezidento,* VICENTE MAIQUES.—*La Sekretario,* R. RAMÍREZ MAGENTI.

S-ro. Mikaelo Botella, Prezidanto de Esperantista Grupo Valencia.

# Notoj de leganto

Denove ekskribante kelkajn notetojn la verkanta leganto sentas ian melankolietan sentimenton, en kiu eble influas la aŭtuna mortado en la naturo; sed precipe ĝin kaŭzas la bedaŭrinda konstato, ke tio, kion li antaŭ ĉio intencis per siaj notoj, t. e. elvoki viglan opiniinterŝanĝon sur la folioj de La Suno, eĉ eksciti kontraŭdirojn, protestojn, ne okazis. Nur al lia kritiko pri aranĝo kaj aspekto de La Suno respondis en numero 107 iu samideanino Malino, kvankam ŝi ne tre konkretigis siajn dezirojn, kaj en numero 112 samideano Manuel Santos, kies trafegajn vortojn pri reformo mi legis kun vera ĝojo kaj danko. La de li proponita fako «Turismo kaj Arto» estus certe ne nur interesa, sed ankaŭ ĝenerale salutata pliriĉigo de nia ĵurnalo.

La ideo de gazetara servo (Notoj de leganto, majo 1925) ŝajne ne trovis simpatiantojn. Kaj tamen mi insistas pri ĝia graveco por efika propagando. Ĉu la estraro de H. E. A. ne povus ĝin foje esplori?

En la lasta numero 113 samideano Allende parolas tre atentinde pri verkado kaj tradukado en Esperanto. Precipe la malbonaj lerniloj kaj vortaroj povas serioze endanĝerigi la purecon de nia lingvo kaj krom tio konfuzi la studemulojn.

Estu permesate al mi aldoni du-tri frazetojn pri tradukado de poeziaĵoj. Poemon germanan ekz. tradukante hispanen kies versleĝojn oni observos kaj sekvos? La hispanajn, ĉu ne? Same en Esperanto. Ĝiaj versleĝoj estas pli-malpli tiuj de la eŭropaj lingvoj; sed super ĉiuj staras tiu, ke la ritma akcento neniam rajtu perforti la karakterizan vortakcenton de la Zamenhofa lingvo.

# Notas de un lector

De nuevo, al empezar a escribir algunas notitas, el lector que esto escribe siente cierto sentimiento un poco melancólico, en el que tal vez influya la general muerte otoñal en la naturaleza; pero, principalmente, lo causa la lamentable comprobación de que lo que intentaba, sobre todo, con sus notas, esto es, provocar un activo cambio de opiniones en las páginas de La Suno, y hasta excitar controversias o protestas, no ha ocurrido. A sus críticas sobre arreglo y aspecto de La Suno, respondió en el número 107 cierta correligionaria Malino, aunque no concretó mucho sus deseos, y en el número 112 el correligionario Manuel Santos, cuyas acertadísimas frases sobre reforma leí con verdadera alegría y agradecimiento. La sección por él propuesta «Turismo y Arte» ciertamente, sería no sólo interesante, sino también un enriquecimiento de nuestro periódico, saludado generalmente.

La idea de servicio periodístico (notas de un lector, mayo 1925), parece no ha encontrado simpatizantes. Y, sin embargo, yo insisto sobre su importancia para una propaganda eficaz. ¿Acaso los directores de H. E. A. no podrían hacer una nueva exploración?

En el número 113 último, el Sr. Allende hace observaciones muy dignas de atención acerca de la versión y traducción en Esperanto. Principalmente, los malos libros instructivos y diccionarios pueden poner en serio peligro la pureza de nuestra lengua y, además, confundir a los estudiosos.

Séame permitido añadir algunas palabras sobre la traducción de obras poéticas. Por ejemplo, traduciendo al español un poema alemán, ¿qué leyes de versificación se han de observar y seguir? Las españolas, ¿no es cierto? Igualmente en Esperanto; sus leyes son poco más o menos las mismas de los idiomas europeos; pero por encima de todas ellas debe estar la de que el acento rítmico

Kaj ĝuste tion ŝajnas ofte forgesi latinidaj esperantistoj.

La Regularo de Hispana Instituto de Esperanto enhavas unu esprimon min mirigintan: institutano povas esti nur Hispano (eĉ ne hispanlingvano). Ĉi tiu «condición precisa» (condicio *sine qua non*) montras laŭ mi iom forte akcentatan naciismon, koncepto strangeta por ideo, kies anoj «—inter popoloj la murojn detruos—». Se la H. I. E. kredas necese sin protekti kontraŭ fremduloj esperantistaj en Hispanujo (ĉar pri aliaj ja tute ne povas temi), ĉu tiam ne sufiĉis fiksi grandan voĉplimulton por akcepti novan membron nehispanan? Kaj cetere: ĉu la unufoje elektitaj institutanoj (ne estraro, § 4ª) oficos kiel ĉiamaj, daŭraj, konstantaj, eternaj? La Regularo silentas pri ĉi punkto.

Fine dezireto al la estimata redaktistaro de La Suno. Ĉu oni ne povus anstataŭi la nunan kovrilon per alia, kies 4 paĝojn estus eble eluzi pli profitodone por alia teksto ol la nuna (havanta ankaŭ kelkajn presmakuletojn kaj legata, mi riskas ĵuri, jam de neniu)? La reklamo por U. E. A. kaj H. E. A. tial ja ne bezonus ĉesi; oni povus ĝin loki alimaniere, ne tiel vaste. La titolpaĝo devus esti pli alloga. Nun ĝi similas tro al nefinita skizo.

Sufiĉe nun da notado. Mi atendas, ke, se ne aprobajn, almenaŭ indignitajn rimarkojn mi ĉi-foje rikoltos.

Jobo.

Novembro, 1926.

nunca debe forzar el acento característico de las palabras en la lengua de Zamenhof. Y, precisamente, esto parece que lo olvidan con frecuencia los esperantistas neolatinos.

El Reglamento del Instituto Español de Esperanto contiene una expresión que me ha causado asombro. Para ser miembro del Instituto precisa ser español (ni siquiera de habla española). Esta condición precisa (condición *sine qua non*), muestra, a mi parecer, un nacionalismo fuertemente acentuado, concepto algo extraño para una idea cuyos partidarios «destruirán los muros entre los pueblos». Si el I. E. de E. cree necesario protegerse contra esperantistas extranjeros en España (porque, en verdad, no puede referirse a otros), ¿no era suficiente fijar una gran mayoría de votos para aceptar a un nuevo miembro no español? Además, los miembros del Instituto, una vez elegidos, ¿oficiarán como sempiternos, duraderos, constantes, eternos? El Reglamento pasa en silencio este punto.

Finalmente, un pequeño deseo a los estimados redactores de La Suno. ¿No se podría sustituir la actual cubierta por otra, cuyas cuatro páginas se pudieran utilizar, tal vez con mayor provecho, con un texto diferente al actual (que contiene algunas erratas y que me atrevería a jurar que nadie lee)? Por ello no sería necesario cesar en la propaganda de U. E. A. y de H. E. A.; se la podría colocar de otra manera, no tan amplia. La página titular debería ser más atrayente. Actualmente semeja demasiado a un bosquejo sin terminar.

Por ahora basta de notas. Espero que esta vez, si no aprobaciones, al menos recogeré indignadas observaciones.

❀ ❀ ❀ ❀ ❀

# XIXª Universala Esperanta Kongreso en Danzig

*La* ***Internacia Centra Komitato*** *de la Esperanto movado decidis akcepti la inviton de la Danziga Esperanto-Asocio kaj Danziga Internacia Foiro okazigi la*

### XIX UNIVERSALAN ESPERANTO-KONGRESON

**en Danzig (libera urbo).**

Kaŭze de la plej ĝenerala deziro de la esperantistaro

### la Kongreso okazos 28 julio— 4 aŭgusto 1927.

En la somero 1927 la esperanta mondo festos ne nur sian ĉiujaran Kongreson en la libera urbo kaj ŝtato Danzig, sed estos pasintaj 40 jaroj de post la publika apero de nia kara lingvo:

### ESPERANTO

La sukceso de la estonta Kongreso ne dependos sole de ni. Ni bezonas la internacian publikon esperantistan. Ni bezonas vin ĉiujn! Por ke la Kongreso povu forte efiki ankaŭ sur la eksteran publikon, estas ankaŭ nepre necesa ne nur multnombra partopreno, sed ankaŭ reprezento de plej multaj landoj. Estas ja *jubilea Kongreso*—ni aranĝos specialan karavanon al Varsovio, kie la esperantistaro starigis monumenton al la kreinto de la lingvo:

### D-RO. L. L. ZAMENHOF.

Tial ni turnas nin aparte al la societoj esperantistaj en tiuj landoj, el kiuj oni ne povas atendi multajn alveturon-

# XIX Congreso Universal de esperanto en Danzig

*El* ***Comité Central Internacional*** *del movimiento esperantista acordó aceptar la invitación de la Asociación Esperantista de Danzig y de la Feria Internacional de esta ciudad para celebrar el*

### XIX CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO

**En Danzig (ciudad libre).**

Según el deseo más general de los esperantistas,

### el Congreso tendrá lugar del 28 de julio al 4 de agosto de 1927.

En el verano de 1927, el mundo esperantista festejará, no sólo su anual congreso en la ciudad libre y estado de Danzig, sino el hecho de haber pasado ya 40 años desde la aparición pública de nuestra querida lengua:

### ESPERANTO

El éxito del futuro Congreso no dependerá únicamente de nosotros. Necesitamos al público internacional esperantista. ¡Os necesitamos a todos! Para que el Congreso pueda ser también eficaz entre el público no esperantista, es igualmente imprescindible, no sólo una numerosa participación, sino también la representación del mayor número posible de países. Puesto que ha de ser un *Congreso jubilar*, organizaremos una caravana especial a Varsovia, donde el esperantismo ha erigido un monumento al creador de la lengua:

### DR. L. L. ZAMENHOF.

Por eso nos dirigimos encarecidamente a las sociedades esperantistas de países, de los que no se puede esperar

tojn, per la insista peto, ke ili jam nun pripensu la kolekton de mono por la celo esti inde reprezentataj dum la Kongreso. Se la esperantistoj en tiuj landoj, el kiuj estas malfacile alveturi al la Kongreso zorgos pri tio, ke ili povu pagi la vojaĝkostojn por almenaŭ unu reprezentanto, ili faros servon ne nur al sialanda movado sed ankaŭ al la tutmonda movado esperantista.

Nia movado tutmonda ja estas je la komenco de nova kaj grava epoko.

Venu! Venu kaj kunportu la naciajn kostumojn kaj surmetu ilin ne nur dum la kongres-festoj, sed ankaŭ dum la promenado en la antikvaj stratoj kaj stratetoj de Danzig.

Tio estas tre grava afero por nia internacia Kongreso en nia internacia kaj antikva hanzaurbo Danzig!

gran concurrencia de congresistas, con el insistente ruego de que se ocupen ya desde ahora en recoger fondos con el fin de estar dignamente representados en el Congreso. Si los esperantistas de aquellos países, de donde es difícil realizar el viaje, se preocupan de conseguir los medios para enviar al Congreso por lo menos un representante, harán un buen servicio, no sólo al movimiento de su país, sino también al movimiento esperantista mundial.

Nuestro movimiento mundial está verdaderamente en el principio de una nueva e importante época.

¡Venid! Venid y traed los trajes nacionales y llevadlos, no solamente en las fiestas del Congreso, sino igualmente en los paseos, por las antiguas calles y callejuelas de Danzig.

¡Esto es asunto muy importante para nuestro Congreso internacional en nuestra internacional y antigua ciudad libre de Danzig!

## XIX UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

L. K. K.

Aeltermann, *Prezidanto*.

## GRAVAJ KLARIGOJ

1.—Laŭ decido de la Centra Komitato la kotizo por ĉiu Kongresano, estas senescepte 25 Guldenoj Danzigaj.

2.—Ĉiu Kongresano ricevos senpage la dokumentojn de la Kongreso, sed nur post la tago de sia enskribiĝo. Ĉiuj kongresaranĝoj estos senpagaj.

3.—Tuj post la ricevo de la kotizo la Loka Kongresa Komitato sendos provizoran karton al la Kongresano. Iu, ne ricevinta en bona tempo sian provizoran karton, estas petata sciigi tion al la Komitato.

4.—En konvena tempo ĉiu Kongre-

## XIX CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO

Comité Local del Congreso

*Presidente*, Aeltermann.

## ACLARACIONES IMPORTANTES

1.—Por acuerdo del Comité Central, la cuota para todo Congresista es, sin excepción, 25 guldenos de Danzig (unos 5 dólares).

2.—Todo Congresista recibirá gratis los documentos del Congreso, pero únicamente después del día de su inscripción. Todos los actos del Congreso serán gratuitos.

3.—Tan pronto como se reciba la cuota, el Comité Local del Congreso enviará una tarjeta provisional al Congresista. Si alguien no recibiera en tiempo oportuno su tarjeta provisional, tenga la bondad de participarlo al Comité.

4.—Oportunamente recibirá todo

sano ricevos diversajn mendilojn por loĝado k. t. p.

Ĉiujn pagojn al la Kongreso oni povos fari per poŝtmandato—aŭ registrita letero—sendotaj rekte al la Kongresa adreso:

«*XIX Kongreso de Esperanto*
*Danzig, libera urbo*».

Congresista varias hojas de encargo para alojamiento, etc.

Todos los pagos al Congreso pueden hacerse por giro postal—o carta certificada—dirigido directamente a la dirección del Congreso:

«*XIX Congreso de Esperanto*
*Danzig, ciudad libre.*»

# I. S. DE LA E. J.

## ALVOKO

Doktoro Liebeck, Advokato kaj Notario el Berlino, kies adreso estas Spittelmarkt, 11, Berlin S. W. 19, Germanujo, sendis al ni cirkuleron por la membroj de la Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj, kiu intencas, okaze de la Kongreso en Danzig, partopreni la aranĝojn de la Somera Universitato.

Juristoj el ĉiuj landoj devas paroli pri la ĝenerala interesa temo *La juro de la eksedziĝo* por doni tiamaniere praktikan ekzemplon de scienca interŝanĝo.

Ĉiu parolanto pritraktos la temon en simpla, ĝeneralkomprenebla maniero en ĉirkaŭ kvaronhoro kaj ne estas necese ke oni paroladu tute libere, ĉar estas permesate la laŭtlega parolado.

D-ro. Liebeck sendis leteron al la naciaj reprezentantoj, po unu ekzemplero, kaj atendas baldaŭan respondon de ĉiu ricevinto.

## ALOCUCIÓN

El Dr. Liebeck, Abogado y Notario de Berlín, cuya dirección es Spittelmarkt, 11, Berlín S. W. 19, Alemania, nos ha remitido una circular para los socios de la Asociación Internacional de Esperantistas Juristas, la que tiene el proyecto de tomar parte en los trabajos de la Universidad de Verano, con ocasión del Congreso de Danzig.

Los juristas de todos los Estados deben hablar acerca del tema de general interés *El Derecho sobre el divorcio*, para dar de esta manera un ejemplo práctico de intercambio científico.

Todo orador tratará el tema en la forma más sencilla, de fácil y general comprensión, en un cuarto de hora aproximadamente, y no es necesario que los discursos se pronuncien: pueden también leerse en alta voz.

El Dr. Liebeck ha remitido una carta-circular a los representantes nacionales únicamente, y espera pronta contestación de los que la hayan recibido.

ANDRÉS PIÑÓ.

# LA SPECIMEN-FOIRO DE LEIPZIG

La Leipzig-a Foiro, kiu okazas dufoje ĉiujare, printempe kaj aŭtune, hodiaŭ povas esti rigardata kiel la plej granda merkato-entrepreno en la mondo. Ĝi—kiel hodiaŭ ĉiuj grandaj foiroj—estas specimenfoiro, t. e.: la varoj, kiuj estas vendotaj, ne mem ĉi tie estas elmetataj, sed nur specimenoj de ili estas ekspozataj, laŭ kiuj la aĉetanto povas efektivigi la mendon. Ĝi estas karakterizata per vera internacieco kaj rilate la ekspozantaron kaj rilate la aĉetantaron. Kompreneble inter la ekspozantoj precipe troviĝas germanaj firmoj, ekz. inter la 10.667 ekspozantaj firmoj, kiuj partoprenis la Printempan Foiron 1926, estis 10.075 germanaj firmoj, sed ankaŭ 592 eksterlandaj firmoj. Ĉi tiuj 592 firmoj apartenis (ordigite laŭ la ciferoj de l'ekspozantoj) al Ĉeĥoslovakujo, Aŭstrujo, Hungarujo, Svislando, Italujo, Francujo, Anglujo, Holando, Danzig, Jugoslavio, Svedujo, Belgujo, Norvegujo, Afriko, Ameriko, Danujo, Polujo, Ruslando, Rumanujo, Latvujo. Kelkaj el la cititaj ŝtatoj, kiel Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svislando, posedas eĉ proprajn naciajn foirdomojn en Leipzig, aliaj, kiel ekz. Italujo, Ruslando, Jugoslavujo, Grekujo havas proprajn, apartajn en si fermitajn, naciajn ekspozejojn.

Sed multe pli ol inter la ekspozantaro la eksterlando estas reprezentata inter la aĉetantaro. Ekz. dum la Printempa Foiro 1926 la nombro de la komercistaj vizitantoj (ekspozantoj kaj aĉetantoj entute) estis 140.000. Inter ili estis ne malpli ol 19.610 eksterlandanoj, 17.300 el Eŭropo, 2.310 el aliaj kontinentoj. Inter la 17.300 eŭropaj vizitantoj troviĝis el Anglujo 1.680, Aŭstrujo 2.450, Belgujo 360, Bulgarujo 100, Ĉeĥoslovakujo 3.690, Danujo 680, Danzig 140, Estonio

# LA FERIA DE MUESTRAS DE LEIPZIG

La Feria de Leipzig, que tiene lugar dos veces al año, en Primavera y en Otoño, puede ser considerada hoy día como la mayor empresa de mercado del mundo. Como todas las grandes ferias en la actualidad, la de Leipzig es feria de muestras, esto es, que las mercancías que han de venderse no están depositadas en ella, sino únicamente las muestras correspondientes, y a la vista de éstas verifica el comprador sus pedidos. Está caracterizada por una verdadera internacionalidad, tanto respecto a los expositores, como a los compradores. Naturalmente, entre los expositores se encuentran principalmente casas alemanas; así, entre las 10.667 casas expositoras que tomaron parte en la Feria de Primavera de 1926, había 10.075 alemanas, y por lo tanto, 592 casas extranjeras. Estas 592 casas pertenecían (por orden del mayor número de expositores) a Checoeslovaquia, Austria, Hungría, Suiza, Italia, Francia, Inglaterra, Holanda, Danzig, Yugoslavia, Suecia, Bélgica, Noruega, Africa, América, Dinamarca, Polonia, Rusiá, Rumania y Letonia. Alguna de las naciones citadas, como Austria, Checoeslovaquia y Suiza, hasta poseen casas propias en Leipzig, con motivo de la feria; otras, como Italia, Rusia, Yugoslavia y Grecia, tienen locales propios independientes para sus expositores nacionales.

Pero mucho más que entre los expositores, está representada la parte extranjera entre los compradores. Ejemplo, durante la Feria de Primavera de 1926 el número de comerciantes que la visitaron (expositores y compradores en total), fué de 140.000. Entre ellos había más de 19.610 extranjeros, 17.300 de Europa y 2.310 de otros continentes. Entre los 17.300 visitantes europeos, había: de Inglaterra, 1.680; de Austria, 2.450; de Bélgica, 360; de Bulgaria, 100,

35, Finnlando 120, Francujo 520, Grekujo 90, Holando 1.600, Hispanujo 160, Hungarujo 890, Italujo 560, Jugoslavio 280, Latvujo 130, Litovujo 100, Luksemburgo 30, Memel 25, Norvegujo 270, Polujo 540, Portugalujo 50, Rumanujo 320, Ruslando 350; Svedujo 560, Svislando 1.300, Ukrajno 40, el aliaj landoj 230.

Intęr la 2.310 vizitantoj venintaj el aliaj kontinentoj troviĝis el Nordameriko 1.160, el Sud- kaj Mezameriko 430, Azio 580, Afriko 120, Aŭstralio 20.

La Leipzig-a Printempa Foiro 1926 montris la plej grandan ĝisnunan partoprenon de eksterlandaj vizitantoj. Oni povas supozi, ke estontatempe ankoraŭ multaj aliaj eksterlandaj kulturŝtatoj eluzos la Leipzig-an Foiron, sendante siajn produktojn al ĝi, ĉar la Leipzig-a Foiro estas foiro ne nur por pretaj fabrikaĵoj, sed ankaŭ por duonpretaj fabrikaĵoj kaj lastatempe ankaŭ por krudaj materialoj. Pro tio kelkaj eksterlandaj ŝtatoj jam ekspozis specimenojn de siaj krudaj materialoj dum la foiro kaj pro la bonaj rezultatoj, kiujn ili havigis al si kiel ekspozantoj, daŭrigos sian partoprenon.

La Leipzig-a Printempa Foiro 1927 okazos de la 6 ĝis 12 de marto.

Adreso: Leipziger Messamt (Esperanto-Fako), *Leipzig*, Markt, 4—(Germanujo).

Checoeslovaquia, 3.690; Dinamarca, 680; Danzig, 140; Estonia, 35; Finlandia, 120; Francia, 520; Grecia, 90; Holanda, 1.600; España, 160; Hungría, 890; Italia, 560; Yugoslavia, 280; Letonia, 130; Lituania, 100; Luxemburgo, 30; Memel, 25; Noruega, 270; Polonia, 540; Portugal, 50; Rumania, 320; Rusia, 350; Suecia, 560; Suiza, 1.300; Ukrania, 40, y de otros países, 230.

De los 2.310 visitantes procedentes de otros continentes, había: de Norte-América, 1.160; América del Sur y Central, 430; Asia, 580; Africa, 120; Australia, 20.

Dicha Feria de Primavera obtuvo la mayor participación de visitantes extranjeros hasta hoy alcanzada. Es de suponer que en lo sucesivo todavía muchos países cultos harán uso de la Feria de Leipzig, enviando a ella sus productos, pues esta feria no sólo abarca objetos manufacturados, sino también productos semifabricados y recientemente hasta primeras materias. Por eso algunos países extranjeros expusieron ya muestras de sus primeras materias durante la feria, y por los buenos resultados obtenidos como expositores, seguirán su participación.

La Feria de Leipzig de Primavera de 1927, tendrá lugar del 6 al 12 de marzo.

Dirección: Leipziger Messamt (Esperanto-Fako), Markt, 4, *Leipzig* (Alemania).

---

# HISPANA ESPERANTO-ASOCIO (H. E. A.)

## Junta directiva celebrada por la misma el 22 de noviembre último

Los acuerdos de interés general para los socios de H. E. A., tomados en dicha Junta, fueron los siguientes:

1.° Fué elegido para sustituir al difunto Sr. Carrasco en el cargo de Tesorero de H. E. A., el Capitán de Artillería D. Luis Flórez, que vive en la calle de Vallehermoso, núm. 58, 1.°, izquierda, Madrid.

2.° Que en lo sucesivo debe enviarse a dicho señor Tesorero todo el dinero que se refiera a suscripciones, pagos, cobros, donativos, etc., de H. E. A., y

3.° Que habiéndose confeccionado la tarjeta identificativa para todos los miembros de *Hispana Esperanto-Asocio (Membrokarto)*, cuya duración es de tiempo

ilimitado, y cuyo precio es de 0'50 pesetas, al pagar la suscripción del año próximo, en lugar de enviar seis pesetas, deberán enviar 6'50 pesetas, con lo cual podrán recoger el *carnet* cuando lo estimen conveniente y en la forma que les parezca más oportuna.

*El Secretario de H. E. A.*,
*Pastro* MARIANO MOJADO,
Abascal, 13, pral., A, Madrid.

---

# NOVEMBRO

**(El Louis Ratisbonne)**

LA FILO — —Kiam puŝas hirundojn la malvarma vetero
al kia land', patrino, forflugas tra l' aero?
LA PATRINO — —Filo, rapidafluge ili transiras marojn
kaj ili trovas kune, post vojaĝado longa,
bluan ĉielon, Sunon kaj helverdajn arbarojn.
LA FILO — —Ĉu tie, patrineto, ekzistas dolĉa bordo
kie neniam blovas la plora vent' de l' nordo?
LA PATRINO — —Jes, tie la printempo ridetas al birdetoj,
tie, belaj la tagoj estas kaj la noktetoj,
tie, la blanka roso havas senmortajn florojn
kaj vinberujo ĉiam ĝiajn berarajn orojn.
LA FILO — —Se flugilojn, ho panjo, al ni donacus Dio,
ni la ambaŭ formarŝus kiel hirundoj marŝas...
Por ni tuj estingiĝos la varma sunradio...
Ke Di' donu flugilojn, panjo, petu al Li.
LA PATRINO — —Infano, trankviliĝu, ilin donos al ni.

*Tradukis* A. N. D.

# NOVIEMBRE

EL HIJO — —Cuando a las golondrinas empuja el cierzo frío
lejos de nuestra Patria, madre, ¿a dónde van?
LA MADRE — —Hijo, con raudo vuelo, atraviesan los mares,
encontrando allá lejos, después de largo viaje,
un sol suave, flores y siempre verdes árboles.
EL HIJO — —¿Acaso existe, ¡oh madre!, apacible ribera
donde no brama nunca el plañidero Norte?
LA MADRE — —Sí, allí a las golondrinas sonríe primavera,
allí es el día hermoso y las noches son bellas,
allí, el rocío blanco tiene flores eternas
y la vid sus racimos de oro siempre conserva.
EL HIJO — —¡Oh madre de mi alma!, si Dios alas nos diera
partiríamos juntos allá donde van ellas...
El Sol para nosotros pronto se apagará...
¡Oh madre!, supliquemos a Dios que nos dé alas.
LA MADRE — —Consuélate hijo mío, que Dios nos las dará.

*Traducción de* AMALIA NÚÑEZ DUBÚS.

## SALUTO

La grava sendstacio E. A. J. 7, «Unión Radio», Madrid, bonvolis transsendi al la hungaraj esperantistoj jenan saluton okaze de la malfermo de la Radio Esperantista Ekspozicio de Budapesto.

Ni gratulas «Unión Radio» pro la konstanta apogo kiun ĝi donas al la propagando de Esperanto.

### Hungarujo, Hungarujo — Buda-Pesto, Buda-Pesto

*Aŭskultu*

Post la nekalkuleblaj, grandegaj kaj nevelkigeblaj triumfoj, kiujn vi atingis la pasintan jaron per via Unua Radio-Ekspozicio okaze de via famega Budapesta Foiro Universala, vi vin prezentas denove antaŭ la konkurado de la nacioj por elmontri la povecon de viaj geniuloj, kaj la superegecon de via raso. Vi vin pretigas por disputi ĉe la plej kleraj nacioj la laŭrojn de la venko, kaj same kiel dum la heroaj epokoj de via plengloro vi mirigis la mondon per viaj gloregaj heroaĵoj militaj, tiel ankaŭ dum la epoko de la Paco, intencas repreni la unuan postenon en la lastaj elmontradoj de la mirindega homa progresado; vi estis senmorta kaj glorega en la batalkampoj, kaj vi fariĝos plej superaltega per la venkoj de la Paco, ĉar vi metadas vian Fidon ĉe Dion, kiu estas la suprenaltiganto kaj la malsuprenaltiganto de la nacioj, kaj vi esperadas je via glorega Patronino la Sanktega Virgulino, kiu vin protektos per sia reĝina mantelo por vin suprenaltegegi super viaj estintaj eksterordinaraĵoj; pro ĉio ĉi tio mi salutas vin dum via dua grandioza Radio-Ekspozicio, kiu komencas hodiaŭ mem, per superega, internacia kaj unika lingvo Esperanto, kiu akordiĝas al la superega internacia kaj unika homa familio; mi vin salutas je la nomo de mia amegata Patrujo, Hispanujo, plej simila al la via laŭ

## SALUTACIÓN

La importante estación emisora E. A. J. 7., Unión Radio Madrid, ha tenido la bondad de transmitir a los esperantistas de Hungría la siguiente salutación con motivo de la apertura de la Exposición Radio-Esperantista de Budapest.

Felicitamos a la Unión Radio por el constante apoyo que presta a la propaganda del Esperanto.

### Hungría, Hungría — Buda-Pest, Buda-Pest

*Atención*

Después de los innumerables, grandísimos e inmarcesibles triunfos que conseguiste el año pasado en tu Primera Exposición de Radio, con ocasión de tu famosísima Feria Universal, te presentas de nuevo ante el palenque de las naciones a manifestar la pujanza de tus ingenios y la grandeza de tu raza; vas a disputar a las naciones más cultas los lauros de la victoria, y así como en los tiempos heroicos de tu grandeza asombraste al mundo con tus gloriosas hazañas guerreras, en los tiempos de la Paz pretendes arrebatarle el primer puesto en las últimas manifestaciones del portentoso progreso humano; fuiste inmortal y gloriosa en los campos de batalla, y te harás más sublime en las victorias de la Paz, porque tienes puesta tu fe en Dios, que es quien ensalza y humilla a las naciones, y tu esperanza en tu gloriosa Patrona la Santísima Virgen, quien te cubrirá con su regio manto para encumbrarte sobre tus pretéritas grandezas; por todo lo cual yo te saludo en tu segunda grandiosa Exposición de Radio, que hoy empieza, en una lengua sublime, internacional y única, en Esperanto, cual corresponde a la familia humana sublime, internacional y única; te saludo en nombre de mi adorada Patria, España, tan semejante a la tuya en la fe, en la esperanza, en los dolores y

la Fido, la Espero, la doloroj kaj la triumfoj; mi ankaŭ salutas vin je la nomo de la Internacia Radio-Asocio, kies Nacia Direktoro mi estas en mia Lando, kaj fine mi vin salutas je la nomo de ĉi tiu Sendostacio E. A. J. 7, «Unión Radio», Madrid, kiu donadas al mi sian valoregan helpon por la propagando kaj triumfo de Esperanto, kaj per kiu, ĉe la fino de la nuna monato, mi jam estos klariginta *kvin kursojn;* mi do deziras al vi ĉiujn glorojn kaj ĉiujn honorindaĵojn, kiujn vi meritas.

*Pastro* MARIANO MOJADO.

en los triunfos; te saludo también en nombre de la Asociación Internacional Radio, de la cual soy el Director Nacional en mi país y, por último, te saludo en nombre de esta Emisora E. A. J. 7, Unión-Radio, Madrid, que es la que me ha otorgado su gran valimiento para la propaganda y triunfo del Esperanto, habiendo ya explicado *cinco cursos*, que terminan en el presente mes. y te deseo todas las glorias y grandezas de que eres merecedora.

MARIANO MOJADO.

## LULKANTETO

**(POR LULILE DORMIGI INFANON)**

Bela infano
ne ploru plu,
restu, silentu
kaj dormu sen bru'.

La malamiko
iru de vi,
vian dormadon
jam ne rabu li.

Dio vin benu
ĉiam kaj pli,
vian koreton
li gardu por Si.

Je Dia graco
la Dipatrin'
plenu vin ĉiam
kaj prizorgu vin.

Ĉiu anĝelo
de la ĉiel'
vin regaladu
per dolĉa miel'.

Kiam vekiĝos
je ĉiu hor'
vi, ĉirkaŭprenos
vin patrina kor'.

Verkita de
*Pastro* MARIANO MOJADO.

## ARRULLO

**(PARA DORMIR A UN NIÑO EN LA CUNA)**

Niño bonito
no llores ya,
calla, descansa
y duérmete en paz.

El enemigo
huya de ti,
no te arrebate
tu sueño feliz.

Dios te bendiga
por siempre, amén,
llene tu ensueño
del eterno Edén.

De Dios con gracia
la Virgen fiel,
siempre te ampare
cuidándote bien.

Toda la corte
angelical
junta te ofrezca
de miel un panal.

Cuando despiertes
de tu dormir
besos te guarda
tu madre sin fin.

Traducido por
MARIANO MOJADO, *Pbro.*

# AL NAJTINGALO

SONETO

Kantu dumnokte; kantu dummatene,
najtingal', en l'arbar', viajn fervorojn,
kaj akompanos viajn kanto-plorojn
tagiĝ'per perloj sur florar'serene.

Sub ĉielo de helaj ruĝoj plena
la vespera ventet' inter la floroj
sopirados kun vi je la rigoroj
de via amo kaj esper' ĉagrena.

En la nokto serena, ĉe l'radioj
de la luno silenta, via amo
la eĥojn de l'arbaro sonorigos:

kaj per viaj dolĉegaj melodioj
kvazaŭ milda por mia kor' balzamo
miajn ĉagrenojn via voĉ'dolĉigos.

José de Espronceda.

El la hispana lingvo tradukis
J. Grau Casas.

# A UN RUISEÑOR

SONETO

Canta en la noche, canta en la mañana,
ruiseñor, en el bosque tus amores
canta, que llorará cuando tú llores
el alba perlas en la flor temprana.

Teñido el cielo de amaranto y grana,
la brisa de la tarde entre las flores
suspirará también a los rigores
de tu amor triste y tu esperanza vana.

Y en la noche serena, al puro rayo
de la callada luna, tus cantares
los ecos sonarán del bosque umbrío:

Y vertiendo dulcísimo desmayo
cual bálsamo suave en mis pesares,
endulzará tu acento el llanto mío.

José de Espronceda.

---

# Bibliografio

*Studvojaĝo en Sovetrusio.*—Raporto de la Sveda ŝtatoficista Delegacio pri la vojaĝo dum aprilo 1925.—Ricevebla el Sveda Laborista *Esperanto-Asocio*, Göteborg I (Svedujo).

Jen broŝuro 36-paĝa detale priskribanta la ĝeneralajn kondiĉojn pri laboro, salajro, k. t. p. ĉe la medio poŝt-telegraf-telefon-radio, kun abundaj ilustraĵoj, verkita de Delegacio elektita de la koncernaj ŝtatoficistaj Asocioj en Svedujo.

Tre interesa precipe por la tutmonda kolegaro el la diritaj Korporacioj, ĝi

# Bibliografía

*Viaje de estudio a la Rusia soviética.*—Informe de la Delegación de funcionarios del Estado sobre el viaje en abril de 1925.—Pídase a Sveda Laborista *Esperanto-Asocio*, Göteborg I (Suecia).

Es un folleto de 36 páginas, tratando detalladamente de las condiciones generales de trabajo, salarios, etc., en el sector Correos, Telégrafos, Teléfonos y Radio, con abundantes ilustraciones, redactado por la Delegación elegida por las correspondientes Asociaciones de empleados del Estado de Suecia.

Muy interesante, principalmente para los colegas de dichas Corporaciones en

enhavas ankaŭ sciindaĵojn rilate al socia laborista problemo.

todo el mundo, contiene también datos dignos de conocerse respecto al problema social obrero.

---

*La Internacia Komisiono* por uzado de Esperanto, starigita de la III^a Internacia Kongreso de Aera Navigacio (Bruxelles, 1925), daŭrigas siajn publikigaĵojn en formo de *Komunikaĵoj*. La nº 3 enhavas gravegan artikolon de nia eminenta samideano S-ro. Emilo Herrera, aeronaŭtika inĝeniero, titolitan «Aeronaŭtiko, Radio kaj Esperanto», kiun ni bedaŭras ne povi enmeti en nian gazeton pro lokmanko. Tiu, kiu deziras legi ĝin, povas fari peton al Sekretariejo de la dirita Komisiono, 35, rue du Sommerard, Paris (5^e).

*La Comisión Internacional* para el uso del Esperanto, creada por el III Congreso Internacional de Navegación Aérea (Bruselas, 1925), continúa sus publicaciones en forma de *Comunicaciones*. El número 3 contiene un notable artículo de nuestro eminente *samideano* D. Emilio Herrera, ingeniero de aeronáutica, titulado «Aeronáutica, Radio y Esperanto», que sentimos no poder publicar en nuestro periódico por falta de espacio. Quien desee leerlo puede solicitarlo de la Secretaría de dicha Comisión, 35, rue du Sommerard, París (5.º).

---

Ni ricevis la 10^an kajeron de *Internacia Esperanto-Servo*, informa Bulteno de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto - Movado, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.—Oktobro 1926.

Krom Esperanta parto, ĝi enhavas tradukojn en franca, angla kaj germana lingvoj. Oni bone komprenas, kia bonega propagandilo ĝi estas.

La lasta numero citita entenas komunikojn: (53)—(57) pri favoraj rezolucioj por Esperanto ĉe Kongreso de l' Paco en Valence (Francujo) dum lasta septembro; ĉe Kongreso de ĉekoslovakaj amatoroj de Radio; en radio-disaŭdigoj; ĉe Kongreso de Svisaj Federacioj de Fervojistoj en Bern, dum julio; kaj ĉe la internaciaj Poŝt-Telegrafaj oficialaj rilatoj.

Ni multe rekomendas ĝian legadon al ĉiuj.

Hemos recibido el 10.º cuaderno de *Servicio Esperantista Internacional*, Boletín informativo del Comité Central Internacional del Movimiento Esperantista. Boulevard du Théâtre, Ginebra, octubre 1926.

Además de la parte en Esperanto, contiene traducciones en francés, inglés y alemán. Se comprende fácilmente que es un excelente medio de propaganda.

El último número citado contiene los comunicados 53 al 57, sobre favorables resoluciones para el Esperanto en el Congreso de la Paz en Valence (Francia), en septiembre último; en el Congreso de aficionados a la Radio en Checoeslovaquia; en las audiciones por Radio; en el Congreso de la Federación Suiza de Ferroviarios, en Berna, en julio; y en las relaciones internacionales oficiales de Correos y Telégrafos.

Recomendamos mucho su lectura a todos.

---

*¡¡Justicia!!*, nova gazeto duonmonata, hispane verkita, pri juraj studoj, direktata de nia kunbatalanto S-ro. Romu-

*¡¡Justicia!!...* Nuevo periódico quincenal, escrito en español, sobre estudios jurídicos, dirigido por nuestro correli-

lo S. Rocamora.—Redakcio kaj Administracio: Ronda de San Pablo, 42, Barcelona (Hispanujo).—Trimonata abono: 1 peseto; sesmonata, 1'50; unu numero, 0'10.

Kvankam la agadkampo de tiu-ĉi gazeto estas ekster nia afero, la redakcio promesas pritrakti la esperantan aferon. Do ni intersanĝos kun ĝi, dezirante al nia amiko la plej rozkoloran sukceson.

gionario D. Rómulo S. Rocamora.—Redacción y Administración: Ronda de San Pablo, 42, Barcelona (España). Suscripción al trimestre, 1 peseta; al semestre, 1'50; número suelto, 0'10.

Aunque el campo de acción de este periódico está fuera de nuestro asunto, la redacción promete tratar de la cuestión esperantista. Por lo tanto, estableceremos el intercambio con él, deseando a nuestro amigo el más halagüeño éxito.

---

*Esperanto-Press.*—Num. 1.—Direktoroj Stanislao Essigman, delegito de U. E. A. kaj profesoro Leopold Kronenberg, strato Piekna 11ª, Varsovio (Polujo).

Ĵus fondiĝis en Varsovio presa esperanta agentejo, kies celo estas provizi ĉiujn redakciojn esperantajn kaj naciajn per artikoloj, spegulantaj vivon politikan, socian kaj kulturan en Polujo, dissendataj laŭ ĉiuj konataj adresoj de delegitoj de U. E. A., esperantaj kaj naciaj gazetoj kaj al esperantaj ĵurnalistoj.

La unua numero—6 grandformataj maŝinskribitaj folioj—pritraktas «Leteron el Polujo» kaj artikolon pri la fama muzikisto Frideriko Chopin, verkitan de S-ino. Tekla Essigman.

La redaktoroj petas tradukon de la artikolo kaj publikigon en naciaj gazetoj, kio estos efika propagando samtempe por Esperanto kaj por Polujo.

La verkado estas sufiĉe bona, sed ne la *skribado,* pro la troaj maŝineraroj, kiujn esperebIe oni malaperigos en sekvontaj numeroj.

*Prensa-Esperanto.*—Número 1. Directores: Estanislao Essigman, Delegado de U. E. A. y el Profesor Leopoldo Kronenberg, calle Piekna, 11.ª, Varsovia (Polonia).

Acaba de fundarse en Varsovia una agencia de prensa esperantista, cuyo objeto es proporcionar a todas las redacciones esperantistas y nacionales artículos que reflejen la vida política, social y de cultura en Polonia, enviados a todas las direcciones conocidas de delegados de U. E. A., periódicos esperantistas y nacionales y a los periodistas esperantistas.

El primer número—6 hojas de gran formato escritas a máquina—contiene «Carta de Polonia» y un artículo sobre el famoso músico Federico Chopín escrito por la Sra. Tecla Essigman.

Los redactores ruegan que se traduzca el artículo y se publique en periódicos nacionales, lo cual sería una eficaz propaganda a un mismo tiempo para el Esperanto y para Polonia.

La redacción es bastante buena, pero no la *escritura,* por los numerosos errores de máquina, que es de esperar se harán desaparecer en numeros sucesivos.

---

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas), 9, VALENCIA

Por faciligi al siaj membroj la praktikan uzon de la lingvo kaj favorigi esperantan korespondadon, turismon, komercajn rilatojn, interŝanĝon de poŝtmarkoj, ktp.

Por konatigi la valoron de nia lingvo ĉe interŝtataj oficejoj, grandaj internaciaj societoj, ktp. La sukceso de tiuj klopodoj multe dependas de la nombro de la personoj en kies nomo la Asocio rajtas paroli.

*Universala Esperanto-Asocio* donas:

Al la Membroj: Membrokarton kaj ducentkvindekpaĝan j a r l i b r o n kun la adresoj de la Delegitoj, esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj, ktp. Ĉiu membro deziranta kore[illegible] aŭ interŝanĝi rajtas presigi dufoje sian adreson en la gazeto *Esperanto* aŭ speciala aldono.

Al la Membro-Abonantoj: La gazeton *Esperanto*, internacia ĉeforgano de la esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

Al la Membro-Subtenantoj: kun la supraj presaĵoj premion konsistantan el valoraj literaturaĵoj laŭ elekto el la jenaj tri sendaĵoj:

1. Verkaro de D-ro. Zamenhof (ok volumoj de tradukoj klasikaj.
2. Internacia Biblioteko Esperanta (32 volumetoj de internacia literaturo; libreto poŝformata).
3. «El Parnaso de popoloj» (poeziaĵoj el tridek lingvoj majstre tradukitaj de Antoni Grabowski).

*Universala Esperanto-Asocio* postulas:

Jaran kotizon de 5 fr. por Membro, de 12'50 fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto (favorprezo por hispanoj: 6, 15, 30 pesetoj).

Para facilitar a sus miembros el uso práctico del idioma y favorecer la correspondencia esperantista, el turismo, las relaciones comerciales, intercambio de sellos, etc.

Para hacer conocer el valor de nuestra lengua en las oficinas entre estados, grandes asociaciones internacionales, etcétera. El éxito de estas gestiones depende en mucho del número de personas en cuyo nombre tenga derecho a hablar la Asociación.

*La Asociación Universal Esperantista* entrega:

A los Miembros: La Carta de socio y un anuario de 250 páginas, con las direcciones de los Delegados, grupos esperantistas, revistas, organizaciones, con noticias sobre relaciones internacionales, etc. Todo miembro que desee corresponder o establecer intercambio, tiene derecho a que se imprima dos veces su dirección en la revista *Esperanto* o especial suplemento.

A los Miembros-Suscriptores: La revista *Esperanto*, principal órgano internacional de los esperantistas, con artículos literarios, científicos, técnicos y exactos informes sobre el movimiento.

A los Miembros-Protectores: Con los impresos anteriores, un premio consistente en valiosas obras literarias a elección entre las tres remesas siguientes:

1.ª Obras del Dr. Zamenhof (ocho volúmenes de traducciones clásicas).
2.ª Biblioteca Internacional Esperantista (32 pequeños volúmenes de literatura internacional; forma manual de bolsillo).
3.ª «El Parnaso de los Pueblos» (poesías de 30 lenguas, magistralmente traducidas por Antonio Grabowski).

*La Asociación Universal Esperantista* solicita:

Una cuota anual de 5 frs. por Miembro, de 12'50 frs. por Miembro-Suscriptor y de 25 frs. por Miembro-Protector (precio especial para españoles: 6, 15, 30 pesetas, respectivamente).

# Internacia Centra Komitato de la esperanto-movado

**Comité Central Internacional del movimiento esperantista**

12, Boulevard du Théâtre, Genève (Ginebra) Svislando (Suiza)

*Prezidanto:* D-ro. Edmond Privat, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.
*Instruado & Statistiko:* Prof. D-ro. Dietterle, Seumestrasse, 10, L... ...chl.
*Financo & Juro:* W. M. Page, 31, Queen Street, Edinburgh.
*Gazetaro* (Prensa): Rudolf Hromada, Socharská, 333, Praha VII.
*Teknikaj Fakoj* (Secciones técnicas): M. Rollet de L' Isle, 35, rue Sommerard, París, V.
*Socia Fako* (Sección social): Ju... C. Isbrücker, v. Beverningkstr. ..., s' Gravenhage.

**Konsilantoj**

*Extrem-Oriento:* Won Kenn, Kanton.
*Ameriko:* E. Legrand, Montevide...

**Administrado**

*Ĝenerala Sekretario:* Rob. Kreuz, Genève.
*Sekretario:* Andreo Ĉe, Genève.

## HISPANA ESPERANTO-ASOCIO

**(Asociación Esperantista Española)**

*Calle de Sagasta, ...m. 10, Cruz Roja, Madrid*

*Presidente:* D. José Perogordo, calle de los Santos, 2, Madrid.
*Secretario:* D. Mariano Mojado, Abascal, 13, pral. A. Madrid.
*Te... ...ero:* D. Juan Carrasco Cuenca, Corredera Alta, 3, 3.º, Madrid (10).

## FEDERACIÓN ESPERANTISTA LEVANTINA

*Calle del Mar, ...m. 23, At...ne..., Valencia*